


# ANARKIO

INFORMA MONATA BULTENO
JANUARO 2011
N° 05


## IVª Brazila Laborista Kongreso
### 91 jaroj de socia rezisto

**Senpera Ago kaj Solidareco, en la Laborista Rekta Defendo**

**Januaro 28-29-30 Portoalegro 2011**

Pli informoj: secretariado@cob-ait.net kaj http://cob-ait.net




**105 jaroj**

Revolucia Sindikatismo



Revolucia Sindikatismo kombinas ĉiutaga lukto por socia intelekta ekonomia plibonigo de la laboristo tra komuna ago ĉiujn laboristojn al socia ekonomia auto-administrato sistemo.
Revolucia Sindikatismo oponas al la centralismon. Revolucia Sindikatismo estas libera organizacio bazas en la liberacana komunismo.




FORGS - FOSP - FOSE - FOM - FOGO




Ni reproduktas ĉi tie unu malgranda peco de la Informa Bulteno Numero 1- 25 julio 1936

### La agado de la virinoj

Dum la mirindaj okazintaĵoj kiujn ni travivas, la agado de la virinoj estis, por multaj, la plej surprizinda: ili luktis de la barikadoj, illi alkuris kien ajn oni bezonis ilin kaj ankaŭ ili iris Zaragozon, kune kun la kontraŭ-faŝistaj milicianoj, lumigitaj la okuloj pro la entuziasmo.

La nuna horo pasos, tion plena da longtempa sendo, kaj faras la virino. Ili kuraĝigis la luktantojn per sia persona ĉeesto kaj sia fervoro. Vidi ilin en la luktaj lokoj estis tre agrabla por la mirado kiu serĉis la malamikon, kvankan certe ne videbla.

Malamiko kiu volis malaperigi ĉiujn nin em malnobla reĝimo. La kamaradinoj gajnis kaj ni ankaŭ pertute malaperigitaj, sed pri certa venkado ni ne dubas.

Kun ribelitas popolamasoj kiel nuntempe okazigis la hispanoj, helpataj de la virinoj, kiel ĝi estis kaj estas dum ciuomento, kaj en ĉiaj misioj sen timo al nenia danĝero, ne ekzistas nevidebla malamiko.

Oni venkis en Barcelono kaj en aliaj lokoj kaj oni venkos en la tuta lando; kaj tiam estos la momento por entrepreni la vojon al la sociordo de ni ĉiam celita. Em kiu estas rezervita al la virinoj la loko kiun ili meritas; loko kiun ili mem gajnis per sia agado pri kiu oni parolos dum multe da tempo, kiam oni povos skribi kun ia ripozo, nuntempe neeble, pri miriga momento kiun ni sorte travivis.



**"Senekonomia kaj sensocia egaleco, politika egaleco estas iluzio". M. Bakunin**

## El: Dio kaj la Ŝtato de Mikaelo Bakunin

### Esperantigita, el angla traduko, de Ralph Dumain

Se Dio ekzistas, li estas nepre la eterna, superregada, absoluta mastro, kaj se tia mastro ekzistas, la homo estas sklavo. Se la homo estas sklavo, por li maleblas justeco, egaleco, frateco, kaj prospero. Vane, alfrontanta ĉian sagacon kaj lecionon el la historio, oni reprezentas, ke sian Dion motivas la plej tenera amo de homa libereco. Mastro, kiu ajn kaj kiel ajn liberala li sin ŝajnigas, restas tamen tiam mastro, kies ekzisto nepre implikas la sklavecon de ĉio malsupera. Do, se Dio ekzistus, li povus servi homan liberecon per nur unu rimedo: ĉesi ekzisti.

Kiel ĵaluza amanto de homa libereco kaj taksante tion la absoluta kondiĉo de ĉio, kion mi admiras kaj respektas en la homaro, mi renversas la proverbon de Voltaire, kaj mi asertas ke se Dio efektive ekzistus, necesus lin elimini.

---o--o---

Kio estas aŭtoritateco? Ĉu la neevitebla potenco de la naturleĝoj kiuj sin manifestas laŭ la necesa koneksiĝo kaj sekvado de fenomenoj en la fizikaj kaj sociaj mondoj? Kontraŭ ĉi tiaj leĝoj ribelo estas ne nur malpermesata, sed ja malebla. Eble ni mise aŭ tute ne komprenas ilin, sed ni ne povas malobei, ĉar ili konsistigas la bazon kaj fundamentajn kondiĉojn de nia ekzisto. Ili ĉirkaŭas nin, penetras nin, reguligas ĉiajn niajn movojn, pensojn, kaj agojn. Eĉ tiam, kiam ni kredas ke ni malobeas ilin, ni montras nur ilian ĉiopovecon.

Ja, ni estas absolute la sklavoj de naturleĝoj, sed en tia sklaveco mankas humiligo, fakte entute mankas sklaveco, ĉar sklaveco antaŭsupozigas eksteran mastron, leĝdonanton, sed naturleĝoj ne estas eksteraj sed internaj de ni; ili konsistigas nian tutan eston. Fizike, morale, kaj intelekte, ni vivas, spiras, agas, pensas, deziras nur per naturleĝoj. Sen ili ni estus nenio. Do de kio ni ĉerpus la deziron aŭ potencon por kontraŭ ili ribeli?

En rilato kun naturleĝoj nur unu libero eblas al la homo: rekoni kaj apliki ilin pliampleksige en konformo kun la celo de kolektiva kaj individua emancipigo kaj homigo kion li celas. Ĉi naturleĝoj, jam rekonataj, montras aŭtoritatecon neniam disputatan de la homamaso. Oni devus esti funde folo, teologo, metafizikisto, juristo, aŭ burĝa ekonomikisto por ribeli kontraŭ la leĝo ke duobla du egalas kvar. Oni devus posedi kredon imagante ke fajro ne brulus aŭ akvo ne dronigus krom ia baziĝo sur alia kaŝita naturleĝo. Sed tiaj fuŝaj fantazioj de malebla ribelo estas la esceptoj, ĉar ĝenerale la homamaso ĉiutage agnoskas la regnon de baza sagaco, t.e. de la naturleĝaro.

Granda domaĝo estas ke granda nombro da naturleĝoj rekonitaj de la scienco restas nekonataj de la homamaso dankon al la kuratoreco de registaroj. Des pli probleme, la plejmulto da naturleĝoj rilate la evoluon de la homa socio, same necesaj kiel la naturleĝoj de la fizika mondo, estas ankoraŭ ne konstatitaj aŭ rekonitaj de la scienco mem.

Kiam ili estos konstatitaj de la scienco kaj poste per popolklerigo eniros la konscion de ĉiuj, la problemo de libereco estos definitive solvita.




**Gelaboristoj emancipigxas per mem laboro**

### Ni bezonas volontulojn!

Nia iniciatemo bezonas volontulojn por skribi, traduki, desegni aŭ por iu ajn kontribuaĵo.

Ĉia helpo estas bonvenan, dankon!

Sanon kaj anarkion!

Kontaktojn:




**Fenikso Nigra**

**CP: 999 – CEP 13001-970 Campinaso – San-Paŭlio**

**Aŭ**

**Sindikato el Artaj kaj Diversaj Oficoj Laboristoj de Campinaso (SADOL-Campinaso) BLK – ILA**

**CP: 5005 – CEP 13036-970 – Campinaso -San-Paŭlio**

**m.e.: fenikso@anarkio.net    m.e.: campinas@fosp.cob-ait.net**

**http://anarkio.net    http://fosp.anarkio.net    http://cob-ait.net**